juna amiko

# INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO-REVUO

Apr. 1987
n-ro 2 (41)
14a Jaro



La kongresejo urbo-centre

Juna amiko

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer.

Ára: 10 ft.: 87/2 szám
XIV évfolyam
Felelős szerk.:
Schiller Judit

Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Kenyérmező u. 6, H-1081 Budapest.
Felelős kiadó:
Princz Oszkár

Készült a MESZ Sokszorosítóban hearota 87-0022.
Kiad. eng. szám:
III/IFJ/30/1976
ISSN 0230-1318.

JUNA AMIKO, revuo por lernejanoj kaj komencantoj.

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

REDAKTORO kaj grafiko: Stefan MacGill.

ADRESO de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

KIOM AJN MALFRUE, NI ANKORAŬ AKCEPTOS ABONOJN POR 1987.

Sur la kov'ril-paĝo: Foto de Z. Fejér.

Post nia jubilea numero en februaro, jen pli kutima numero, kun rakontoj, teatraĵo por aktori, iom da matematiko, iom da sporto, iom da enigmoj. Neniu longa enkonduko ĉi-foje, ĉar plej urĝe por *JA* estas la akiro de pli da abonantoj! Ni kuras longe (kiel Henrieta) kaj rapide (kiel Marta) por trovi novajn legantojn. Bonvolu helpi nin! Legu sube la detalojn, kaj proponu al viaj amikoj, instruistoj, gefratoj, gefiloj, gepatroj, najbaroj, samklasanoj, malsamklasanoj, nevoj, nepoj, preterpasantoj, nian gazeton!

Stefan MacGill 87 02 24

KIEL ABONI?

EN HUNGARIO: Abonojn akceptas ĉefaj poŝt-oficejoj aŭ la gazeta fako de la poŝto (HELIR) kontraŭ 40 forintoj. Hungaroj rajtas donaci abonojn al eksterlandaj amikoj kontraŭ 48 forintoj. Se vi malfruas mendi tra la poŝto, HEA akceptos viajn abonojn por 1987 kaj sendos la aperintajn numerojn. Se vi volas mendi pakaĵan kvanton de la gazeto,kun rabato, petu tion de HEA: ili sendos al vi pagilon.

EN ALIAJ SOCIALISMAJ LANDOJ: En kelkaj landoj vi povas mendi ĉe ĉefaj poŝt-oficejoj ekde la 1-a de septembro por la posta jaro – nur la unuaj petantoj sukcesas. (En GDR: 9,30 markoj, mendonumero Z 0230-1318 ĉe Post- u. Fernmeldeamt Falkenberg, Zentralvertrieb u PZV, Übigauer Str. 4, Falkenberg 7900). Se poŝta mendo ne sukcesos provu ĉe via Landa Asocio aŭ Landa Sekcio de ILEI. Lastkaze kontaktu rekte HEA pri abon-eblecoj. Ĉiujn petojn pri kolektivaj abonoj direktu al HEA.

EN ALIAJ LANDOJ: En multaj landoj la kotizperanto de UEA akceptos abonojn en la loka valuto. Vi povas pagi rekte al la Centra Oficejo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando (pĉk. 378964).

Aliaj perantoj estas:
Belgio: FEL, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen.
Britio: P. Hewitt, 26 Highfield Rd, North Thoresby, Great Grimsby, South Humberside, DN36 5RT.

| ABONOJ | ĉe UEA | ĉe FEL | Britio | Hungario |
|---|---|---|---|---|
| unuopa | 8,40 gld. | 130 BEF | £2,80 | 40 ft. |
| ekde 8 ekz. | 7,00 gld. | 110 BEF | £2,30 | 36 ft. |
| ekde 30 ekz. | 6,00 gld. | 100 BEF | £2,00 | 34 ft. |

# PETRA KAJ LA ŜARĜO

Petra, la malgranda griza azeno, portadis sakojn de salo de la marbordo al la magazeno, kiu situas inter la montoj. La vojo estis longa kaj ĉiam identa de tago al tago. La mastro ne kompatis la beston, kiu devis ĉiutage sole porti la sakojn.

Estis varmega somero. Petra ĉiam atendis tiun momenton, kiam ĝi povis liberiĝi de la malagrabla portado. Unutage, Petra decidis ribeli pro la pezaj ŝarĝoj. La malgranda azeno ŝvite alvenis al la rivereto inter la montoj. Petra tuj saltis en la freŝan akvon de la rivereto. La pezaj sakoj malligiĝis kaj la salo solviĝis. Post unu horo Petra ekstaris kaj kun ĝojo spertis ion strangan: ĝi senŝarĝiĝis. Ĉe la magazeno la azeno estis akceptita per baston-frapoj pro la manko de la salo.

Alitage spong-kolektanto petis la mastron de la azeno: "Mia amiko, mi estus danka, se via azeno portus miajn kolektitajn spongojn al la komercejo, kiu situas apud via sal-magazeno."



magazeno: loko, kie oni tenas varojn, komercejo
situi: troviĝi, esti en difinita loko
identa: tute sama
ribeli: ne plu obei
ŝviti: eligi akvon el la korpo sur la haŭton, pro multa laboro kaj varmo.
solviĝi: ne plu esti solida, sed iĝi likva kaj disiri en akvo.
ŝarĝo: peza objektaro, kiun oni devas porti.
spongo: malpeza primitiva marbesto kun multaj truetoj, kies mortintan formon ni uzas en la banĉambro por purigi nin.
bastono: longa ligno-peco uzebla por frapi azenon, ekzemple.

La mastro konsentis. Petra malgaje ekiris kun la nova ŝarĝo, sed kiam ĝi alvenis al la rivereto, ĝi tuj saltis en la freŝajn ondojn. Post unu horo Petra volis ekstari, sed ne povis. La ŝarĝo estis pli peza, ol pli frue. La spongoj suĉis akvon en sin, kaj iĝis pli pezaj. La alvenantaj laboristoj ride rigardis la ĉagrene blekantan Petran.

"Vane estas ĉio", pensis malgaje al si Petra, "la azeno povas esti bela, sed neniam saĝa."

*Tralaboris kaj tradukis: Sándor Termes, Hungario*

**ĉagrene: malkontente**

**bleki: krii kiel azeno**

**suĉi: entiri ion en sin. Mal-blovi. Spongo suĉas akvon. Infano suĉas bombonon. Polv-suĉilo suĉas polvon. Malbona polv-suĉilo ne plu ensuĉas polvon. Malbona infano ja eble provus ensuĉi polvon. Almenaŭ unu-foje. Polv-suĉilo ja povas ensuĉi bombonon, se malbona infano ĵetis ĝin sur la tapiŝon. Polv-suĉilo ne povas ensuĉi infanon. Eĉ ne unu-foje. La inverso estas ankaŭ vera.**



# Sporta Sekcio!

de nia sporta komentisto Steĉjo Streĉo, helpata de nia sporta kaj sperta desegnisto Pavel Rak



**Rigardu la bildojn dekstre kaj respondu la demandojn!**

1. Kiu kuras? Kiu kuregas? Kiu kuradas?... Kiu ne kuras?
2. Kien kuras la malalta knabo? ...la dika knabo? ...la alta knabino? ... la alta knabo? ...
3. Kiu kuras tra la tunelo? ...sub la ponto? ...inter la arboj? ...
4. Kiu kuras plej longe? ...plej mallonge? ...plej rapide? ...plej malrapide?
5. Kiu kuras je 2 km/h? ...19 km/h? ... Kiu iras je 0 km/h?
6. Kiom da metroj kuras Normano? ...Marta? ...Ojohan? ...
7. Kiu kuras la plej longan distancon? ...la plej mallongan?
8. Kiu kuras pli rapide ol Henrieta? ...malpli rapide ol Johano?
9. Kio okazus, se Henrieta kurus sub la ponto? Kio okazus, se Deli Lalama kurus je 20 kilometroj hore dum kvar horoj?

| KIU | KION FARAS | KIOM LONGE | KIEL RAPIDE | KIEN |
|---|---|---|---|---|
|  Normano Lanormo |  kuras | 15 min. | 10 km/h |  |
|  Marta Motora |  kuregas | 5 min. | 20 km/h |  |
|  Ojohan Olabrav |  kuradas | 2 horoj | 8 km/h |  |
|  Deli Lalama |  kuretas | 2 min. | 2 km/h |  |
|  Henrieta Hardita |  kuregadas | 3 horoj | 19 km/h |  |
|  Ronaldo Laronka |  | 6 horoj | – |  |

Ĉu Ronaldo kuras? Ĉu li baldaŭ kuros? Turnu la paĝon! ⟶




Jes, Ronaldo baldaŭ kuros, ĉar li estas dormanta antaŭ leon-kaĝo. Lia piedo puŝas la anson de la kaĝo-pordo, la leonoj povas eliri! La leonoj aŭdas la ronkojn de Ronaldo. Baldaŭ Ronaldo kuregos je 25 km/hore dum ses minutoj. Kial? ĉar la plej forta leono kapablas kuri je 24 km/hore dum 5 minutoj kaj 55 sekundoj.

JEN LA FINA REZULTO DE NIA SPORTA KONKURSO:




1. Kiel longe vi povas kuri? Kiel rapide?
2. Ĉu vi kuras ĉiutage? Ĉu vi sport-kuras?
3. Ĉu vi iam partoprenis en kur-konkurso? Ĉu vi gajnis?
4. Ĉu vi iam kuris 10 kilometrojn? ...20 kilometrojn? ...pli?
5. Kiu estas la plej bona kuranto en via familio?
6. Ĉu vi ofte kuras por trafi aŭtobuson? Ĉu vi ofte kuras por eskapi de leono? Pro kio vi kutime kuras?

# PARADO

## ENIGMOJ

de Klara Velősy

*Vi trovos la respondojn al la demandoj dekstre, sed ili ne estas en la ĝusta ordo. Parigu la demandojn kun la ĝustaj respondoj!*

| | |
|---|---|
| Kiu **maro** ne estas akva? | *karnavalo* |
| Kiu **velo** kreskas sur arbedo? | *lekanto* |
| Kiu **tuko** estas manĝebla? | *avino* |
| Kiu **turo** ne estas konstruaĵo? | *vulkano* |
| Kiu **arbo** kreskas sur mentono? | *butero* |
| Kiu **vino** estas ŝatata eĉ de infano? | *homaro* |
| Kiu **ringo** naĝas en maro? | *kano* |
| Kiu **vango** ne estas parto de vizaĝo? | *atolo* |
| Kiu **tineo** neniam tuŝas teksaĵon? | *lavango* |
| Kiu **valo** ne troviĝas en la naturo? | *glano* |
| Kiu **lando** ne povas esti loĝata? | *laktuko* |
| Kiu **kato** neniam miaŭas? | *marĝeno* |
| Kiu **stelo** havas valoran felon? | *avelo* |
| Kiu **tendo** ne estas aĉetebla? | *barelo* |
| Kiu **tero** estas manĝebla? | *haringo* |
| Kiu **tolo** ne estas teksaĵo? | *najado* |
| Kiu **balo** ne estas dancvespero? | *matineo* |
| Kiu **ano** staras en akvo? | *barbo* |
| Kiu **jado** ne estas mineralo? | *merkato* |
| Kiu **lano** kreskas sur kverkoj? | *kverelo* |
| Kiu **kanto** kreskas en ĝardeno? | *mustelo* |
| Kiu **mulo** ne estas besto? | *trumpeto* |
| Kiu **ĝeno** troviĝas en libroj? | *aventuro* |
| Kiu **ario** ne estas kantebla? | *malario* |
| Kiu **aĝo** montras maltimon? | *falbalo* |
| Kiu **relo** estas ĉiam evitenda? | *girlando* |
| Kiu **kano** povas eligi fajron? | *atendo* |
| Kiu **peto** estas tro brua por la oreloj? | *stimulo* |
| Kiu **relo** povas enteni vinon aŭ bieron? | *kuraĝo* |

*Faru kelkajn proprajn similajn enigmojn, ekzemple pri* **akvarelo, parado, prizono, kompato ...ktp.**

# En la dezerto

Verkis Stefan MacGill
laŭ ŝerco rakontita
al li dum la Junulara
Esperanta Renkontiĝo
en Oroŝhaza, Majo 1986
kun danko al la
rakontinto!

La suno brilas forte super la dezerto. La ĉielo estas blua kaj la sablo flava. Nenio estas verda: ne estas arboj, ne estas arbustoj, ne estas floroj, ne estas herbo. Estas eĉ ne unu planto. Estas nur sablo, kaj kelkaj sablo-montoj. Ne estas arboj — ne estas urboj, ne estas vilaĝoj, ne estas vojoj. Eĉ ne estas aŭtomobilo. Nur sablo kaj kelkaj sablo-montoj. Sed kio estas tio malantaŭ tiu sablo-monto? Ho, jen marŝas unu viro. Li marŝas malrapide. Lia pantalono estas malpura, kaj lia ĉemizo estas ŝirita. La pantalono malpuriĝis pro la sablo kaj la ĉemizo ŝiriĝis pro la rokoj. Lia vizaĝo estas ne-razita kaj bruna, lia nazo estas ruĝa. Lia haŭto bruniĝis kaj lia nazo ruĝiĝis pro la forta suno.



Li estas tre laca, li marŝas pli kaj pli malrapide. Li malrapidiĝas. Li ne manĝis dum tri tagoj. Li nur marŝis. Marŝadis. Li ne havas akvon. Lia akvo-botelo estas malplena. Ĝi malpleniĝis antaŭ unu tago. Li marŝas kaj marŝas. Fakte, li marŝadas en grandaj cirkloj. Li perdiĝis. Li pli kaj pli laciĝas. Li pli kaj pli malfortiĝas. Fine, li falas al la sablo.

Nun, li ne plu marŝas; li rampas sur la manoj kaj la genuoj. Super lia kapo sur la blua ĉielo ni nun vidas sovaĝajn brunajn birdojn kun flavaj bekoj. Ili flugas en grandaj cirkloj super la viro kaj ili krias laŭte. Ili estas vulturoj kaj ili atendas la tagmanĝon.

La viro rampas pli malrapide. La birdoj flugas pli kaj pli malalte. Ili malaltiĝas. Iliaj cirkloj malgrandiĝas. Iliaj krioj laŭtiĝas. La tagmanĝa horo proksimiĝas. La viro vidas la birdojn kaj li malgajiĝas: "Akvo, akvo!" li ĝemas.

La viro rigardas la pli proksimajn birdojn. Li deliras. Unu birdo proksimiĝas al la viro, kaj en ĝia dekstra piedo li vidas forkon kaj en ĝia maldekstra piedo li vidas tranĉilon! Terure! Ĉirkaŭ la kolo de dua vulturo li vidas buŝ-tukon, kaj per unu flugilo ĝi tenas menuon. En la menuo li legas la vortojn: *Tagmanĝo: Perdita viro, bruna kaj ruĝa, senakva, sun-rostita.*




li rampas kaj deliras

Desegnaĵoj: Pavel Rak

"Ho, ve," pensas la viro, "Nun mi deliras, certe! Mi vidas miraĝojn pro la manko de akvo!"

Do, la viro ne plu rigardas la vulturojn. Li rigardas al la horizonto. Kaj subite tiel malproksime inter la sablo-montoj, li vidas puton! Li gajiĝas. Li leviĝas kaj komencas kuri al ĝi. Li rapidiĝas.

"Ho, eble mi ankoraŭ deliras!" pensas la viro, "Ĉu la puto estas nur miraĝo? Eble ĝi ne vere ekzistas. Eble mi nur imagas ĝin."

Sed li kuradas al ĝi: "Ĝi ne povas esti miraĝo! Mi povas vidi ĝin tiel klare! Mi vidas la brikojn, tegmenton, takelon, ŝnuron kaj sitelon! Ĝi estas vera puto! Puto kun akvo!" Li kuregas al ĝi. "Vera puto, mi estas savita!" li krias.




Li kuregadas al la puto kaj, kiam li proksimiĝas al ĝi li krias: "**AKVO! AKVO!**"

Subite, li vidas kapon, same bruna kaj nerazita, kiel sia, kiu leviĝas el la puto kaj krias entuziasme: "**KIE!!? KIE!!?**

| INSTRUPUKTOJ: | |
| --- | --- |
| pli, -ita, -iĝ. | haŭto: la ekstera parto de persono.<br>sablo: multaj tre etaj ŝtonoj; la tero en dezertoj<br>deliri: esti malsana kaj vidi objektojn, kiuj ne ekzistas |

# LEGENDO PRI VARSOVIO

Antaŭ multaj jaroj en la regiono Mazovia ĉe la bordo de la rivero Vistula kreskis granda arbarego.

Iufoje la princo de la Marzovia provinco ĉasis tie kaj dum la postkurado de granda uro li malproksimiĝis de sia sekvantaro. Kiam la princo volis ĵeti lancon, la uro malaperis. La princo serĉis sian sekvantaron kaj tiam li rimarkis riveron. Ĉar li ege soifis, li proksimiĝis. En la rivero li ekvidis "akvan fraŭlinon" — sirenon. Ĝi helpis la princon. Ĝi ĵetis oran sagon el sia paf-arko kaj diris: "Iru, princo, post ĉi tiu sago".

La princo iris tre longe kaj subite li ekvidis malgrandan fiŝistan kabanon. En ĝi li trovis junan virinon kun du ĉarmaj ĝemeloj — knabineto kaj knabeto. Ĉar la princo estis tre laca kaj malsata, la virino invitis lin en la kabanon kaj preparis manĝaĵon.

La princo ripozis kaj sat-manĝis. Poste li diris:

"Nomu viajn infanojn Vars kaj Sava. Mi donos al ili tiun ĉi teron kaj ili laboru. Dank' al ilia laboro en estonteco ĉi tie elkreskos grandioza urbo, pli belega ol ĉiuj aliaj.

La patro de la infanoj helpis al la princo trovi la ĝustan vojon.

Post multaj jaroj, fakte en la loko, kie iam la princo renkontiĝis kun la familio de la fiŝkaptisto, elkreskis granda urbo, pri kiu zorgis la sireno. La urbo prenis sian nomon de la nomoj de la infanoj: Vars-sava, kaj poste tiu ĉi nomo transformiĝis al Varŝava. En Esperanto oni kutime uzas la internacian nomon — Varsovio.

Krzysztof Krajewski
Radom, Pollando

*La urbo Varsovio estas kompreneble kie okazos en la somero de ĉi tiu jaro la Jubilea Universala Kongreso de Esperanto, kun multaj miloj de partoprenantoj el la tuta mondo. Ankaŭ en diversaj urboj de Pollando okazos aliaj kongresoj, interalie de la junuloj (La IJK okazos en Krakovo) kaj de la instruistoj (ILEI kongresos en Lodzo).*

**uro:** granda sovaĝa besto, simila al bovo.
**lanco:** stango kun akra metala pinto, uzata en ĉasado.
**paf-arko:** aparato, el kiu oni povas pafi sagon.
**kabano:** malgranda domo farita el ligno.

# matematiko!

Preparis la grupo de Balogh Viktoria, docento en la Katedro pri matematiko en la Pedagogia Altlernejo de Eger.

1. Ĉi tie vi vidas kvadratan tabelon. Plenigu la kvadratetojn per la ciferoj 3, 5, kaj 9. La ciferoj formas nombrojn horizontale. Adiciu la nombrojn vertikale.

**Demandoj**



a) Kiom-foje eblas plenigi la tabelon, tiel ke la sumo restu 1887? Kiom da solvoj vi povis desegni?

b) Kiun daton memorigas tiu sumo 1887 en la Esperanto-historio?

2. La lateroj de kvadratetoj estas formitaj el alumetoj. Kiel eblas transloki du alumetojn en alian lokon tiel, ke la nombro de kvadratetoj malpliiĝu je unu? Post la translokado, ĉiu finaĵo de ĉiu alumeto devas tuŝi alian.



3. Johano, Karlo kaj Stefano havas nur po unu hobion. Unu kolektas poŝtmarkojn, alia bildkartojn kaj la alia insignojn.

— Johano kaj tiu, kiu kolektas bildkartojn, konas unu la alian el pionir-tendaro.
— Stefano ne kolektas bildkartojn, kaj li estas pli maljuna ol tiu, kiu kolektas insignojn.

Kiu knabo havas kiun hobion?

*Se vi sukcesas solvi la problemojn, skribu la respondojn sur poŝtkarto kaj sendu ĝin al ni: Juna amiko, pf. 193, H-1368 Budapeŝto. El inter la bonaj solvoj ni lotumos libro-premion!*

# ILI ESTU EGALAJ!

Stefan MacGill

**Teatraĵo por kvar personoj (farmisto kaj tri junuloj) en sep scenoj (prezentota en du partoj). Vi bezonos kelkajn arbojn, ĉu kartonajn, ĉu desegnitajn. Vi bezonos tondilon, tranĉilon, segilon kaj dudek unu lud-monerojn (grandajn!).**

**Sceno du estas lingve iom pli komplika ol la aliaj pro la lingvaj ŝercoj. Kun komencanta grupo sufiĉas uzi la unuajn sep liniojn kaj la lastajn tri.**

## SCENO UNU

*(Tri junuloj parolas pri mono. Farmisto sekrete sub-aŭskultas la konversacion malantaŭ la kulisoj)*

**Ton:** Ho, mi ne havas monon. Tran, ĉu vi havas monon?
**Tran:** Ne, mi estas senmona. Stu, ĉu vi havas monon?
**Stu:** Ne, mi havas eĉ malpli ol vi.
**Ton:** Ni ne povos viziti la futbalon sen mono.
**Tran:** Kaj ni volas vidi la matĉon.
**Stu:** Jes, mi volas, eĉ pli ol vi!
**Ton:** Mi volas vidi majestajn piedbatojn...
**Tran:** ...kaj vidi la pilkon flugi tra la aero!
**Stu:** Sed sen mono, ni vidos nenion.
**Ton:** Por eniri, ni devas pagi po sep stelojn.
**Tran:** Entute do... trioble sep estas... estas...
**Stu:** Entute estas... estas... eĉ pli ol dudek steloj!
**Ton:** De kie ni ricevos pli ol dudek stelojn?

## SCENO DU

(*La farmisto ne plu subaŭskultas kaj subite aperas*)

**Farm:** Laboro ĉi tie! Salajro! Salajro pli ol dudek steloj!
**Ton:** Ha, precize tiom, kiom ni bezonas por viziti la futbalon!
**Farm:** Bonan matenon! Jen tri diligentaj, inteligentaj junuloj!
**Ton:** Kiu,mi? Diligenta? Mi ne estas diligenta.
**Tran:** Kiu, mi? Inteligenta? Mi ne estas inteligenta.

**Stu:** Kaj mi, eĉ malpli ol ili!
**Farm:** Ne gravas, mi havas laboron por vi.
**Ton:** Sur kiu laborkampo okazos la laboro?
**Farm:** Ĝuste sur la apuda laborkampo. Vidu, sur ĝi staras multaj arboj.
**Tran:** Sed ĉu la laboro estos fruktodona?
**Farm:** Post ses monatoj, jes. Rigardu la arbojn. Ili estas frukto-arboj.
**Stu:** Arboj! Pri kiu branĉo de la arbo-kulturo ni laboros?
**Farm:** Ĝuste pri la branĉa branĉo!
**Ton:** Ĉu tio estas rapide kreskanta branĉo?
**Farm:** Jes, miaj branĉoj ĉiuj kreskas rapide.
**Tran:** Bone, do estos eblecoj por progresi en la laboro? ...Por supreniri, por grimpi la eskalon de sukceso?
**Farm:** Junulo, jam en la unua minuto de via laboro vi grimpos sur eskalon.
**Ton:** Kaj ĉu ni povos atingi altan pozicion?
**Farm:** Sendube, nur kelkajn paŝojn supren sur la eskalo, kaj vi havos elstaran pozicion! Vi tuj havos perspektivon sur la tuta laborkampo.
**Tran:** Ĉu temos pri alt-ranga laboro?
**Farm:** Nu, ĝi estos certe alt-runga! Plej alt-runga!
**Ton:** Alt-ranga! Ĉu nia alt-nivela laboro portos multajn problemojn?
**Farm:** Jes, kaj mi atendas, ke vi lerte tra-tranĉu la problemaron.
**Stu:** Lerte? Sed mi ne havas akran intelekton.
**Farm:** Ne gravas. Mi donos al vi akran tondilon kaj tio sufiĉos. Kiam vi staros supre sur la eskalo, vi devos per la tondilo tondi la pintojn de la branĉoj.
**Ton:** Tiu laboro ŝajnas esti tre fizika. Mi ne estas forta.
**Tran:** Ankaŭ mi ne estas forta.
**Stu:** Kaj mi eĉ malpli ol ili!
**Farm:** Ne gravas... vi fortiĝos dum vi laboros. Vidu, vi devas tranĉi la branĉetojn for de la tigoj, do temas pri for-tiga (*fort-iga*) laboro!
**Ton:** Kaj ĉu niaj laboroj estos alte taksataj?
**Farm:** Certe, de tempo al tempo mi ankaŭ grimpos al la supro de la eskalo por kontroli la kvaliton de via laboro.
**Ton:** Do, efektive, ni estos alte taksataj.
**Farm:** Krome, mi komence grimpos la eskalon kun vi por

instrui al vi la taskon.

**Ton:** Do, ne nur alte taksataj sed alte taskitaj!

**Stu:** Kiom da mono ni ricevos?

**Farm:** Dependas, kiel bone vi laboros.

**Ton:** Sed ĉu ni povos esti alte salajrataj?

**Farm:** Nu, se vi bone laboros, jes, mi pretas ankaŭ grimpi al la supro de la eskalo por tie doni al vi viajn salajrojn.

**Ton:** Bone, mi ĉiam volis esti alte salajrata.

**Farm:** Imagu, vi eĉ rajtos diri al viaj amikoj, ke vi staras sur la plej alta ŝtupo de mia salajr-eskalo!

**Stu:** Ho, ni atingos la pinton de via salajra skalo!

**Ton:** Bone, ni akceptas la laboron ĝis vendredo...

**Stu:** Ĉar sabate okazos la futbalo.

**Farm:** Bone, revenu morgaŭ kaj vi eklaboros.




Desegnis: P. Rak

## SCENO TRI

**Anoncisto: Estas mardo. La tri junuloj alvenas por eklabori.**
*(Sur la scenejo estas kartona aŭ desegnita arbo; vidu la bildon)*

**Farm:** Bonan matenon! Venu kun mi al la unua arbo kaj ni grimpu al la supro de la eskalo. Rigardu la arbon. Vidu, ĝi havas ses branĉojn. Unu estas alta, unu malalta, unu longa, unu mallonga, unu dika kaj unu maldika. Nun, mi havas

tondilon, trančilon kaj segilon. Vidu, la longa branĉo estas tro longa, do per la tondilo mi tondas ĝin. *(Li faras tion).*

**Ton:** Sed nun la alta branĉo estas tro longa!

**Farm:** Precize. La branĉoj devas esti egale longaj. Do, per la trančilo ni trančas ĝin. Jen! *(Li faras)*

**Tran:** Ĉu la branĉoj nun estas egalaj?

**Farm:** Ne, rigardu, nun la dika branĉo estas tro longa.

**Tran:** Jes, mi tranĉos ĝin. Donu al mi la tranĉilon. Dankon. Nun, mi tranĉos la branĉon. Grrrrh! Mi ne sukcesas.

**Farm:** Ĝi estas tro dika. Per tranĉilo vi ne sukcesos. Jen la segilo. Per tio vi sukcesos.

**Stu:** Jes, rigardu! *(Li prenas la segilon, kaj segas)* Skri, skra, skri, skra! Jen, mi sukcesis!

**Farm:** Kaj nun, rigardu. La branĉoj estas egalaj. Tiu arbo nun estas bela. Jen, mi instruis al vi pri branĉo-tondado. Memoru la oran regulon: la branĉoj estu egalaj!

**Ton:** Ni memoros. La branĉoj estos egalaj.

**Farm:** Bone, al Ton mi donos la tondilon, al Tran mi donos la tranĉilon kaj al Stu mi donos la segilon. La tondilo estas por la branĉetoj, la tranĉilo estas por la branĉoj kaj la segilo por la branĉegoj. *(Li donas la ilojn)*

**Ton, Tran, Stu:** Dankon!

**Farm:** Tie staras la dua arbo. Tondu tion. Apud la dua arbo staras la tria arbo. Tondu ankaŭ tion. Apud la tria arbo staras la kvara arbo, kaj apud...

## SCENO KVAR

**Anoncisto:** Duon-horon kaj duon-kilometron poste...

**Farm:** ...kaj apud la kvarcent naŭdek naŭa arbo staras la kvincenta arbo. Tondu ankaŭ tion!

**Ton:** Ve, ve, ve!

**Tran:** Ve, ve, ve, ve, ve, ve!

**Stu:** Ve, ve, ve, kaj kvincent-foje ve!

**Farm:** Nu, memoru la futbalon! Ĝis revido!

*Daŭrigota en la sekva numero de Juna amiko*

**Klubo de Legantoj**

**La klubon gvidas:**
**Josef Chvosta, Leninova 16**
**CS-290 01 Poděbrady**
**Ĉeĥoslovakio.**

**Sendu ĉiun respondon kaj reagon rekte al li.**

## LETERO DE AMIKO



*Al Karolo venis letero de amiko. Sed Karolo trovis en ĝi kelkajn erarojn. Provu trovi ilin kaj korekti ilin:*

Kara Karolo,

Mi salutas vin kaj dankas pro via karto el la ĉefurbo de Francio, Romo. Mi mem estis en la hungara ĉefurbo, Beogrado, kaj sendis karton de tie. Nun mi jam frekventas la sesan klason kaj mia malgranda frato komencis la lernadon en la lasta klaso. Ni havas dum semajno 30 lecionojn en kvin tagoj, do sabate kaj dimanĉe ne estas instruado. Ĉiun fakon instruas alia instruisto. Ni lernas multajn fakojn. En la matematiko ni lernas pri landoj kaj urboj, en la natura scienco ni lernas bone paroli kaj skribi, en la geografio ni desegnas bildojn kaj liniojn, en la nacia lingvo ni kalkulas. En la historio ni ludas kaj movas nin, foje kun pilko, en la desegnado ni lernas pri pasintaj okazaĵoj. Pri floroj kaj bestoj ni lernas dum lecionoj de gimnastiko, en lecionoj de mastrumado ni kantas.

Mi ŝatas frekventi la lernejon, sed foje mi estas ĝoja, kiam venas sabato. Plej ofte ni havas taskojn el gimnastikado. Mi lernas libervole ankaŭ Esperanton. Mi skribas ĝin per specialaj literoj, kiuj nomiĝas mĥedruli.

Mi finas mian leteron.
Via amiko, Era Rinto

*Bonvolu sendi la solvon ĝis la apero de la nova numero al la supra adreso. Ĉiu letero kun solvo estos respondita*

# ALBERT SZENT-GYÖRGYI

La 22an de oktobro 1986 en sia naŭdektria jaro mortis Albert Szent-Györgyi (prononco: Sent-Djoerdji). Li estis sciencisto de la biokemio kaj la unua hungaro, kiu ricevis Nobel-premion pro laboro, kiu okazis en Hungario. La grandan premion li ricevis en la jaro 1937 pro la malkovro de la vitamino C kaj pro la esploradoj pri la fundoj de la vivo. Vitaminon C, tiun tre gravan materialon por la homa vivo, li produktis el kapsiko, kiu laŭ lia malkovro enhavas multon el ĝi. En tiu tempo li estis universitata profesoro en la urbo Szeged (pron. Seged) en sud-orienta Hungario.

En la jaro 1948 li translokiĝis en Usonon kaj poste tie li laboris. Li esploris la proprecojn de la vivo per studo de vivantaj ĉeloj. La fina celo de liaj esploradoj estis la malkovro de la kaŭzoj kaj la kuracado de tre danĝera malsano, la kancero. Kvankam li ne povis atingi tiun celon, tamen per sia

## Kvara psalmo

## ENERGIO KAJ RAPIDECO

*Plejpotenca!*
*Vi malkaŝis por ni la sekretojn de la energio*
*fermita en la materialon,*
*Por ke ni faciligu la laboron kaj majestigu la vivon,*
*Vi instruis nin veturi pli rapide ol la sono,*
*Por ke distanco ne plu dividu homon disde homo.*

*La frukton de nia laboro: la energion, densigitan en pafaĵon*
*Ni transsendas al la plej fora ekstremo de la tero,*
*Por mizerigi kaj pereigi nin reciproke,*
*Por ekstermi ĉiujn vivaĵojn sur la dezertigita tero.*

*Plejpotenca! Ne lasu, ke mi ruinigu la sanktejon de la vivo,*
*Permesu, ke utilu al mi la scio, kaj mi fariĝu utila pere de ĝi —*
*Donu dignon por miaj tagoj mallongaj.*

Trad.: Imre Szabó



propra laboro kaj per la estigo de kunlaboro inter diversaj sciencistoj, li faris grandan servon por la ebligo de pluaj esploradoj.

Li estis granda ne nur kiel sciencisto, sed ankaŭ kiel homo. La ĉefa celo de lia laboro ĉiam estis la plibonigo de la homa vivo. Dum la dua mond-milito li faris gravan kontraŭ-faŝisman agadon. Lia vivo mult-foje estis en danĝero. Li volis atingi, ke Hungario forlasu la faŝisman Germanion kaj ĉesigu la militon kontraŭ Sovet-Unio. Malgaja afero estis, ke tiu lia agado ne estis sukcesa.

Post la dua mond-milito ĉiam li laboris por la paco, por la kunlaboro inter la popoloj, por la neniigo de la batališoj. Ofte li diris kaj skribis, ke sciencistoj devas labori ĉiam por la plibonigo de la homa vivo, por la paco. La prilaboro de novaj danĝeraj batališoj estas granda kulpo kontraŭ la homaro.

Albert Szent-Györgyi,la granda sciencisto kaj granda homo estas inda je tio, ke estime ni konservu lian memoron kaj ni sekvu lian ekzemplon.

János Sárközi

biokemio: komuna sicenco de vivaj kaj ne-vivaj aĵoj
premio: honorigo, ofte akompanata per mon-donaco
Nobel-premio: la plej granda premio pro elstara scienca aŭ alia laboro
materialo: tio, kio konsistigas ĉiun objekton
vitamino: materialo, necesa por la vivo, abunda en kapsikoj kaj oranĝoj
esplori: multe labori por malkovri ion novan
kapsiko: pika, kutime flava legomo
universitato: lernejo por altaj konoj kaj esplorado
profesoro: instruisto kaj esploranto en universitato
ĉelo: la plej malgranda memstara parto de viva materialo
kancero: malsano kaŭzita pro tre rapida duobligo de malsanaj ĉeloj
faŝismo: devigo de homoj per malhomaj rimedoj (dolorigo, senvivigo) servi la interesojn de regantoj

# KRUCVORTENIGMO

Se vi atente legis *Juna amiko,* vi povos pli facile solvi ĉi tiun kruc-vort-enigmon, ĉar la kaŝ-frazo estas trovebla en antaŭa numero de la gazeto, kaj ankaŭ en la linioj 1, horizontale kaj 13, vertikale.

HORIZONTALE

1. Unua parto de la kaŝ-frazo
10. Multaj similaj aĵoj kune
13. Rusa imperiestro
14. Malriĉa simpla dometo (R)
15. Ludanto en teatro (R)
17. Kemia materialo ?
18. Prefikso (pro-geedziga parenceco)
19. Kolorigilo
20. Laŭta spirado aŭdebla dum dormo (R)
21. Deklaro pri intima amikeco (R)
24. Move tien-reen per etaj skuoj (reen)
25. Rusa vir-nomo (R)
28. Prefisko (malgrandeco)
30. Enmanigi al si (R)
31. Korelativo kiu indikas nedifinitan kvaliton
33. Moviĝi antaŭen dum longa tempo
34. Flava suda frukto (R)
36. Buŝ-movoj aŭ sportaj renkontiĝoj
37. Mezo de koro!
38. Duono de odor'!
39. Tranĉo-pova
41. Frukto el kiu oni ricevas oleon
43. Roz-ruĝa koloro
46. Verkisto de poemoj (mikse)
48. Duono de gingiv'!
49. Mal-plezure, seninteresite, melankolie
50. Kuirujo
52. Senvokale sata!
54. Organo de aŭdo (R)
55. Paroli per laŭta akra voĉo (R)
62. Bel-fela mamulo, kiu vivas apud akvo
63. La aŭstria ĉef-urbo
64. Internacia signo de ŝarĝ-aŭtoj
65. Riz-brando
67. Surlita ŝtof-peco (R mikse)
68. Vigle pli-rapidiĝi
69. Fiŝ-devena frandaĵo (reen)
70. Triapersona poseda pronomo
71. Farm-besto kun kornoj
72. Kampara kuniklego (mikse)

VERTIKALE

1. Longa, mallarĝa lignopeco
2. Ĉef-parto de cirko
3. Biena besto por homa nutrado (R)
4. Prefikso de komenciĝo
5. Arbeto kun bon-odoraj floroj (R)
6. Litersigno de britaj aŭtoj
7. Glatigi lignon
8. Membron
10. Miksita prepozicio
11. Virina vestaĵo
12. Valora metalo
13. Dua parto de la kaŝ-frazo
16. Metala kuir-vazo (R)
21. Lasta vorto de preĝoj
22. Meze akra!
23. La kvina konsonanto el-dire
24. Trivi
26. Kaŭzi, ke ekestu feliĉo (R)
27. Randon de la buŝo
29. Maljusta kruela regn-estro (R)
30. Donis motivon por esperi
32. Ne-profesiaj, diletantaj
35. Duoble ok!
40. Profesia kondukisto de aŭto (reen)
42. El-montra butiko-fenestro
43. Duono de alkoholaĵo
45. Notu bone (mallonge)
47. Farita ĝis fino (R)
51. Ege ama
53. Senmanka
55. Granda arbo, ĝian lignon ni uzas por fari meblojn
56. Enigi vivantan branĉeton el alian vegetaĵon (R)

57. Havigi al si
58. Vasta
59. Teleskopa
60. Ŝtonegoj (reen)
61. Stango (R, reen)

64. Kontaktiĝo (R)
66. Interno de koroj!
67. Mal-ino (R)

(R = uzu nur la radikon)




Verkis: József Fórizs, Gyöngyös.

*Sendu vian solvon de la kaŝfrazo sur poŝtkarto al Juna Amiko, p.f. 193, H-1368 Budapeŝto. Ni lotumos libro-premion!*

# deziras korespondi

Grupo (16-28-jaraj); tutmonde, ĉiuj temoj: Klubo "Tempo", u. Tiĥvin a/K2, SU-187500 Leningrada zeg, Sovet-unio. — Grupo el vilaĝa elementa lernejo, ĉiuj temoj, Ferenci József (instruisto), Kossuth u. 20, H-9435 Sarród, Hungario. — Tutmonde pri sporto, Mariusz Danowski (13-jara), Nowa Wies, ul. Nowowiejska 4/5, PL-19-321 Elcka, Pollando. — Zaneta Tolevecuti, Peneru 10-49, SU-235000 Jonava kaj ŝia najbaro Lilia Kaeryti, Paneriu 10-20, SU-239000 Jonava, Litova SSR, Sovet-unio. — Dénes Árpád (12-jara), Steimetz kapitány út 21, 1/5, Várpalota 1, Hungario. — Du fratinoj (10 kaj 12-jaraj) deziras interŝanĝi poŝtmarkojn: Zofia kaj Agnieska Niedźwiedzka, ul. Kondratowicza 4c m. 99, PL-03-242 Warszawa, Pollando. — Leonid Ivanov, Tuĵenerskij rajon, P/0 Ruĵbeljak d. Auĵbeljak, SU-425425 Marijskaja, Sovet-unio, tutmonde pri lingvoj, sporto, kulinaro, flor-kulturo, kaj interŝanĝi bildkartojn k.s.
— Živilė Virŝilaitė, 51-osios Armijos 21-42, SU-235 309 Panevezys, Sovet-unio. — Geedzoj Petr Kníchal kaj Hana Kníchalová (23 kaj 22-jaraj), Osadní 22, Praha 7, Ĉeĥoslovakio, kun geedzaj paroj el okcidentaj landoj. — Lernantoj de mezlernejo (12-15-jaraj) kun samaĝuloj tutmonde pri paco, turismo, bildkartoj, arto ktp, s-ino Ir. Ĉerkasova (instruisto), placo Frunze 1a, SU-410017 Saratov, Sovet-unio. — Nova grupo: Viktoro Kudrjavcev (instruisto), Uralskaja 10-51, SU-620067 Sverdlovsk, Sovet-unio. — 17-jara prezidantino de klubo pri internacia amikeco, pri historio, geografio, pentrado, poŝtmarkoj ks., Larisa Ŝuty, ul. Komsomoljskaja 6-52, Odessa 29, Sovet-unio.

## Antologio de porinfanaj poemoj

Mi petas vian helpon kolekti kaj prezenti en fidinda Esperanta interpreto la plej belajn porinfanajn poemojn de via lando. Ni deziras ricevi verkojn de "klasikuloj" sed ĉefe tiujn de nuntempaj aŭtoroj. Ni volas arigi po 3 ĝis 7 poemojn el ĉiu lingvo- aŭ etno-regiono. Sendube jam ekzistas pluraj taŭgaj tradukoj. Ni volonte ricevos ne nur la tradukon, sed ankaŭ la tekston en la originala lingvo — se eble bonvolu sendi ambaŭ en du ekzempleroj. Bonvolu mencii la fonto-lingvon de la poemo, la nomon, naskiĝ- kaj eventuale morto-jarojn kaj la landon de la aŭtoro. Bonvolu eviti ekstreme longajn vers-rakontojn; laŭ mia sperto maloftas porinfanaj poemoj, kiujn ne povas enteni unu paĝo.

Se vi scias pri kompetentulo pri ĉi tiu temo en via lando, bonvolu transdoni ĉi tiun peton al li aŭ ŝi.

Kun anticipaj dankoj pro via kunlaboremo kaj eventualaj sugestoj.

Oldrich Kníchal,
Dési Huber u. 13
H-1098 Budapest, Hungario.

# Vian opinion, ni petas...

Eble vi rimarkis unu etan ŝanĝon en ĉi tiu gazeto, kiun la nova redaktoro enkondukis. Ĝis nun vi ofte trovis en la teksto pied-notojn[1] kun ciferaj indikiloj[2] meze de la teksto.

En *Juna amiko* restas daŭre la pied-notoj, sed ne plu aperas la ciferaj indikiloj[2]. Ni opinias, ke tiuj ciferoj meze en la teksto ne estas tre belaj kaj malhelpas la glatan legadon de la pli lertaj legantoj. Se vi ne komprenas la signifon de vorto, serĉu sube en la pied-notoj[1], kaj vi trovos, ke la pli malfacilaj vortoj staras kun klarigoj, ĉu en la alfabeta ordo, ĉu laŭ ilia ordo en la rakonto.

En Esperanto estas multaj tre utilaj sufiksoj. Ili estas utilegaj. Instruisto en via lernejo klarigos al sci-volemaj junuloj la utilecon de la lerninda sufiksaro en vort-farado.

Ĝis nun ni indikis la sufiksojn per apostrofoj. Tiuj estas interpunkciaj sign'etoj, kiuj trov'iĝas supre inter la literoj. Ni ne plu uzos apostrofojn, ĉar ni esperas, ke vi jam diligente lernis la sufiksojn, kaj rekonos ilin senprobleme. Tiel niaj tekstoj aperas en normala Esperanto, en kiu oni ne uzas apostrofojn por tiu celo.

En *Juna amiko* ni ofte uzis la divido-strekon por pri-lumi la konstru-manieron de du-partaj kun-metitaj vortoj kaj por mal-kaŝi kaj el-starigi la ĉe-eston de prefiksoj.

Estonte, ni malpli ofte uzos divido-strekojn, nur en tre longaj vortoj, kaj en vortoj, kie la ĝusta legado de la vorto povus esti malfacila aŭ du-senca, ekzemple: sen-data aŭ sendata, re-miro aŭ rem-iro, var-meto aŭ varm-eto, por-tenda aŭ port-enda.

Instruistoj kaj lernantoj! Ĉu vi ĝojas pro tiu ŝanĝo? Ni petas vian opinion. Se jes, kial? Se vi preferas konservi pied-notojn[1], apostrof'adon kaj divido-strekojn, bonvolu informi nin pri viaj kialoj!

---

1. pied-noto: noto malsupre sur la paĝo, presita per etaj literoj, kiu indikas la signifon de malfacila vorto en la teksto. Ĉi tiuj etaj literoj estas ekzemplo de pied-noto.

2. ciferaj indikiloj: Etaj ciferoj, kiuj staras meze en teksto, post malfacila vorto por indiki, ke la signifo de tiu vorto aperas sube sur la paĝo en pied-noto(1), presita per etaj literoj, similaj al tiuj, per kiuj ĉi tiu teksto estas prezentita.

Ára: 10 ft.




*El la bildstrio "Jonas kaj Kurd", kiun desegnis Antje Eske (FR Germanio) per la komputilo Mackintosh*